# ESPERANTO EN AFRIKO

Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA

Numero 03 Oktobro 2007

*Karaj legantoj,*

*Post ioma paŭzo jen revenas al vi laŭvica numero de nia revueto! En ĝi temas pri la nova laborjaro, en kiu ni devos pretigi nin por la eventoj de la venonta jaro, interalie la ILEI-konferenco en Portonovo, Benino, kaj por la partopreno en la Universala Kongreso en Roterdamo.*

*Bonan laborjaron 2007-2008!* *La Redaktantaro*

**

## ALVOKO AL NIAJ NEAFRIKAJ AMIKOJ OKAZE DE LA UNIVERSALA KONGRESO EN 2008 EN ROTERDAMO, PERIFERIA URBO DE AFRIKO

Neniu afrikano partoprenis la ĉi-jaran Universalan Kongreson en Japanujo. La malproksimeco inter Afriko kaj Japanujo kaj la alteco de la flug-kostoj, kiuj kutime devis antaŭvidi transiron de unu aviadilo en la alian en Eŭropo, malkonsilis elspezi tiom da mono ĉi-jare. Tamen en la venonta Universala Kongreso povos partopreni kelkaj afrikanoj koste de la Triamonda Kongresa Fondaĵo.

Roterdamo ja ne estas tiel malproksima de Afriko, kaj oni povas konsideri ĝin preskaŭ periferia urbo de nia kontinento.

Tamen por ke la partopreno realiĝu la amikoj de Afriko kaj de afrikaj esperantistoj devos malavare kontribui al tiu Fondaĵo, kies rimedoj hodiaŭ ne permesas la vojaĝon al multaj afrikaj esperantistoj, kiuj ja meritas partopreni.

La pagmanieroj estas la kutimaj pagmanieroj al UEA indikitaj en Jarlibro 2007, p. 36. Bv. aldoni la indikon "Por afrikanoj al UK".

*Ni estas tre dankaj al vi, se vi ebligos al ni partopreni kaj sperti la UK-etoson kaj al la ceteraj kongresanoj havi kontakton kun la afrika movado, kiu kreskas kaj solidiĝas.*

## VORTOJ DE LA KUNORDIGANTO DE LA KOMISIONO

Karaj afrikaj esperantistoj,

Jen survojas al vi nia komuna ligilo *Esperanto en Afriko*. Multaj el ni jam delonge konas ĝin kaj kontribuis al ĝi, kaj ĝi permesis al ili esti en regula kontakto kun la tuta afrika movado…

Denove, jen ĝi prezentiĝas al ni post paso de kelka tempo.

Kion ni diru okaze de ĝia reapero?

En mia lasta mesaĝo al la afrikaj esperantistoj mi prezentis la funkciadon de la tutafrika movado, ĉefe de tiu, kiu aktivas kun UEA. Mi prezentis al vi la Afrikan Komisionon, la Afrikan Oficejon kaj la konsilantaron de la Afrika Komisiono. Diversaj utilaj adresoj estis prezentitaj.

Mi intencas ĉi-foje alvoki al unuiĝo kaj al plia agemeco en nia movado.

Kial alvoki pri unuiĝo? Ni ĉiuj konscias pri kelkaj kvazaŭaj miskomprenoj kiuj ŝiras nian kontinentan movadon kaj konsekvence bremsas la disvolviĝon. Ĉu vere ni devas atenti pri tio kaj perdi tempon pridiskutante? Ni havas celojn pli noblajn, kaj nur unuiĝo estas la solvo por krei pli efikan tutkontinentan movadon kiun ĉiuj dezirus sendependa. Unuiĝo signifas kunlaboradon interŝanĝante i.a. spertojn per regula komunikado estimante unu la aliajn, laborante sen komplekso kaj sen antaŭjuĝoj. Nur tiel ni povos mem konstrui nian movadon. Ĉiu el ni devas regule pripensi diversajn instruojn de nia Moŝta Majstro, kiu admonis al ni la amon kiu nepre kuniras kun la paco kaj la homa interkompreniĝo. Dum la ekstera komunumo tiel alte taksas nian agadon, ni ne malprogresu! Ni portu alten la afrikan verdan standardon, por ke finfine ni estu konsiderataj ĝustavalore.

Mi esperas, ke miaj frazoj direktiĝis al ĉiuj, kaj mi pliafoje admonas al plia agemeco raportante regule en nia komuna ligilo. Samtempe mi invitas ĉiujn afrikajn aktivulojn al regula raportado pri siaj agadoj.

Plej samideane salutas,

*Aimé-Florent Ntoto Zola*
*Kunordiganto de AK*

---

# PASINTAJ AGADOJ EN AFRIKO

## ILEI-SEMINARIO POR ESPERANTO-INSTRUISTOJ
## 18-24.02.2007, Portonovo, Benino

El la notoj, kvazaŭ taglibro, de la vicprezidanto de ILEI, Zsófia Kóródy.

**Antaŭpreparoj**

Estis kelkaj problemoj rilate al la manko de akurateco pri aliĝado kaj atingado de la seminario, sed tiuj komencaj mankoj estis facile venkitaj.

**Faka laboro**

*La interkonatiĝo:* estis rapida, agrabla, ŝajne estis bona harmonio inter diverslandanoj kaj bona bazo por tutsemajna kunlaboro

*Kunlaboro:* aktiva partopreno (mi anoncis, ke ni registras, kiu kiam alvenas, foriras, forestas) kaj la laŭeble ĉiam ĝustatempa kurskomenco helpis disciplinan partoprenon. La kursanoj kaj lingve kaj laŭfake bone harmoniis unu kun la aliaj, aktive interagadis (ne ĉiuj estis profesiaj instruistoj, sed krom unu, ĉiuj pli-malpli regule gvidas Esperanto-kursojn).



La seminario en Portonovo

*Formoj de laboro:* prelegoj de kaj mi kaj ĉiuj kursanoj: almenaŭ unu gramatikan temon ili mem devis ellabori, klarigi kaj komenti, ili estis petataj raporti pri sia instru-laboro, landa sekcio aŭ kluboj kaj alian fojon pri inform- kaj varblaboro en siaj landoj.

*Prezentado:* laŭlande ili prezentis ion pri la propra kulturo, tradicioj por interkultura projekto: praktikado de vuduo nuntempe (interese kaj kontentige prezentita).

*Renkontiĝo de tradiciaĵoj kaj novtempaj kutimoj en Afriko:* tiu temo ne estis detale traktita, prefere ili rakontis pri propraj nacia historio, lingvo, etno ktp.

*Gruplaboro, para laboro:* diskutado pri donita temo en miksitaj grupoj aŭ duope ĉefe por lingva perfektigo kaj demonstri didaktikan rolon de tiuj laborformoj, analizo de uzeblaj, uzendaj metodoj, individuaj skribaj aŭ parolaj taskoj (pli malmulte da skribaj, ol mi planis, ja malfacilis kaj multe kostis elpresado kaj fotokopiado de taskfolioj, krome en la dormoĉambroj de la kursanoj mankis tabloj, seĝoj, ofte ankaŭ lampo, kurento).

*Dumpaŭza, fakultativa legado de faka materialo, metodikaj libroj (manlibro pri E-instruado):* mi disdonis la kunportititajn faklibrojn kaj lernolibrojn, kiujn ili devis/povis tralegi kaj pludoni al aliaj kursanoj; kantado, ludoj, rolludoj, gimnastiko: demonstrad-cele kaj por vigligi, buntigi la tuttagan kunsidon.

*Individua konsilado:* lingva plibonigo, konsilado pri movadaj, instruaj, didaktikaj, organizaj temoj: multaj kursanoj petis tion, ĉefe dum paŭzoj kaj vespere, kaj mi volonte kromlaboris,

ja pro tempopremo dumtaga apenaŭ eblis pritrakti la gravajn ĉeftemojn kaj kompreneble tiuj konsultiĝoj estis pli efikaj en tiu konsultad-formo.

Ĉiuj antaŭplanitaj temoj estis traktikaj, tamen la proporciojn laŭbezone ni devis iom modifi: mi volis, ke ĉiuj kursanoj havu sufiĉe da tempo por la propraj kontribuaĵoj, kaj ke pro tempomanko restu nek neeldirita opinio nek grava nekontentige findiskutita temo.

Por helpi la pluan laboron mi kompilis kompaktan diskon kun multaj materialoj el mia komputilo por posta lernado, uzado, persona spertiĝo kaj bruligis ĝin sur diskojn por la partoprenintoj.

**Kromaj temoj**

*Gerda malaperis*-kursmaterialoj:

unuaj 5 lecionoj estis dissenditaj, plejparto de plenigitaj taskfolioj revenis, nun ili komencas disdonadon de lecionoj 6-10; Agnes Geelen rekomendis, ke en unuopaj landoj ili laŭeble prizorgu la korektadon kaj dissendadon por eviti afrankajn kromkostojn, tempoperdon. Mi kunportis kvar seriojn de sonmaterialoj, kiujn mi disdonis donace al kunlaborantoj.

*Juna Amiko:* laŭplane devus alveni 100 ekzempleroj al Afriko, utiligado tamen ne certas, adresaro bezonas refreŝigon (François Hounsounou promesis baldaŭan refaron), povas okazi ankaŭ malapero ĉe poŝto; pro tio raciigo ĉe plusendado kaj disdonado nepre estas bezonata!

**Resumo**

La preparseminario plenumis la sekvajn ĉefcelojn:

– *lingva pluklerigado de jamaj kaj estontaj E-instruistoj:* bone; tamen restas ankoraŭ lingvaj malglataĵoj, ĉefe akuzativaj problemoj, kiuj necesigus daŭran korektadon;

– *trejnado por instrukapabligo, metodika helpo:* bone; tamen bedaŭrinde tempe limigita, montriĝas plua bezono je ekkono kaj alproprigo de taŭgaj, modernaj, paroligaj instrumetodoj, uzo de instruhelpiloj. Laŭ mi preskaŭ ĉiuj iom tro komplike klarigas, instruas ofte superfluajn gramatikaĵojn. Ŝajne ili lernis tiel kaj pludonas similmaniere la lernitaĵojn.

– *trejnado de trejnontoj:* nekontentige; ĝis la plejmulto mem ne havas kontentigan trarigardon de la instruota kaj instruenda materialo kaj de metodoj, tiu celo estas fora; devus sekvi plua, pli intensiva klerigkurso kun pli da emfazo de tiu celo, eble al pli bone selektita celgrupo;

– *preparado al ILEI-konferenco:* kontentige; almenaŭ sukcesis entuziasmigi ilin labori por tiu celo kaj konvinki ilin serĉi sian aktivan rolon en organiza teamo, provante respondeci pri unuopaj taskoj. Kompreneble tute mankas informoj pri kutima strukturo, programoj, ktp de ILEI-konferencoj. Ili do bezonos pli da helpo, pli da toleremo, multe da instrukcioj, kion kaj kiel fari. Ni ne rajtas atendi memstaran iniciatemon, ja por ili mankas modelo.

Estintus bone havi almenaŭ unusemajnan trejnkurson por ĉiuj ĉeftemoj!

**Preparado al la ILEI-konferenco 2008**

Ni ĉirkaŭrigardis en Songhai-centro kun gvidanto: ĝi estas 17-hektara, sekura, verda oazo, multe da arboj, plantoj, floroj, herbejo. La konferencejoj: tegmentita kun ventumiloj ĝis 200 sidlokoj, konferenca sidigo (lignaj seĝoj kun dekstramanaj tabletoj sur kvar ebenoj duoncirkle ordigitaj, kelkaj krombenkoj). Ĝi estas tute taŭga por la ILEI-konferenco.

*Zsófia Kóródy*

# VENONTAJ AGADOJ EN AFRIKO

## SEMINARIO EN MBANZA-NGUNGU (BAS-CONGO)

Instige de la Afrika Komisiono kaj sekve al la tiam organizita seminario en Kinŝaso dum la jaro 2005, DKEA (Demokrata Kongolanda Esperanto-Asocio) organizas seminarion en la provinco Bas-Congo, precize en la urbo Mbanza-Ngungu. Dum tiu seminario, kiu estas planita por la 13-a ĝis la 16-a de decembro 2007, okazos jara ĝenerala asembleo de DKEA.

**Partoprenontoj**

1. Ĉiuj prezidantoj de la kluboj akompanataj de unu el la gvidantaro de la kluboj ( 24 personoj); 2. Ĉiuj respondeculoj de la fakaj grupoj aŭ sekcioj de DKEA (4 personoj); 3. Estraranoj de DKEA (6 personoj); 4. Esperantistaj gravuloj (honoraj prezidantoj de DKEA kaj membroj de la Afrika Komisiono (4 personoj).

Ĉiuj partoprenontoj kotizos po 3500FC.

**Celoj**

La ĉefa celo de la seminario estas perfektigi la lingvosciojn kaj la movadkonojn de la kongaj esperantistoj. Konsekvence, ni esperas plifirmigi la rilatojn inter kongaj esperantistoj, kaj samtempe tiuj difinos novajn strategiojn por la kongolanda movado.

**Lokaj organizantoj (kontaktpersonoj)**

Pri la organizado okupiĝas: 1) Aimé-Florent Ntoto Zola, fntoto@yahoo.fr,+243999125584; 2) Lufiaulusu Innocent,+243999040410; 3) Roger Luzayamo, +243816572475; 4) Matondo Masha,+243813638922; 5) Roger Mambuene.

**Adreso de la seminariejo**

Centre des conférences de l'association pour la promotion du développement endogène (Aprodec), Avenue Mobutu N° 83, Quartier Disengomoka, Cité de Mbanza-Ngungu.

Mbanza-Ngungu estas meze inter Kinŝaso kaj Matadio, survoje de la nacia vojo n° 1. Mbanza-Ngungu estas bela naturriĉa regiono kun diversaj turismaj lokoj.

La seminariejo estas tre alloga kaj tie loĝos la partoprenontoj. Eblos ekzemple retaliri en la seminariejo.

Baldaŭ la definitiva programo estos fiksita.

*Aimé-Florent Ntoto Zola*

***

## SEMINARIO EN RUMONGO, BURUNDO
## dum la Paska semajno en 2008

Jen informoj pri la onta seminario en Rumonge.

La seminario okazos en Rumonge, je 72 km de la ĉefurbo, en Preĝeja Hotelo (Bethel Hotel), kiu troviĝas apud la ŝiphaveno (kiu estas sur lago Tanganyika) kaj stacidomo de la 22-a ĝis la 29-a de marto 2008.

Ĝin partoprenos personoj el diversaj afrikaj landoj, kiuj nun sekvas la preparan kurson *Gerda malaperis*. La partoprenontoj devas kotizi po 3USD.

Ĝin gvidos s-rino Margaretha Symoens el Belgujo.

Por pli da informoj, kontaktu:

Jérémie Sabiyumva, BP 170, Rumonge, Burundi

Tel: (+257) 77 733052; retadreso: jerrybs21@yahoo.fr

*Jérémie Sabiyumva*

***

## EĤOJ DE MALSIMILAJ OPINIOJ EN AFRIKO: SIGNO DE SUKCESO

La du pasintaj jaroj spertis ekon de ĉiuspecaj kaj kakofonplenaj bruoj ĉe la afrika Esperanto-movado. Kelkaj homoj afrikaj kaj eksterafrikaj konsideris/as tion kiel komencon de la forpaso de la movado en Afriko. Ĉiu provis montri per argumento ĉu fantazia, ĉu honesta, ke la movado mortas de kiam oni ekdonas eblecon al aliaj afrikaj esperantistoj gvidi ĝin alimaniere. Kelkaj aliaj opiniis/as, ke eksterafrikanoj ne sufiĉe respektas ilin kaj eĉ arogante postulas per neĝentilaj kaj insultplenaj vortoj, ke la bonkoraj mecenatoj raportu, kiel ili trovas la monon por helpi ilin. Tiuj kakofonplenaj bruoj de la du pasintaj jaroj vere kontribuis al esprimo de sento, kiu tre certe dum jaroj iel dormis en kelkaj esperantistoj, eĉ famaj kaj bonintencaj. Homoj, kiuj sufiĉe bone analizas la situacion, nun ekscias pri tiuj, kiuj efektive agadas por la sukceso de la movado en Afriko.

Ĉiu organizo ofte pli bone funkcias, kiam estas ebleco por ties membroj libere sin esprimi. Io tia preskaŭ ne vere ekzistis ĉe la afrika movado ĝis la translokigo de Afrika Oficejo al Benino. Ni ja devas konfesi, ke ĝi ankoraŭ ne sufiĉe bone funkcias, sed ĝi almenaŭ estas signo de plia demokratiiĝo ene de la movado. De tiam neniu afrikano povas konsideri la movadon kiel privatan aferon, kaj sekve oni tute nature povas akcepti, ke iu alia sopiras al lia posteno. Ke Afrika Komisiono havu du diversajn kunordigantojn dum tiu periodo, estas fakte bela signo de demokratiiĝo kaj kunlaborado inter afrikanoj.

Nun gravas, ke afrikanoj ne nur kontentiĝas per esprimo de opinioj, sed precipe per konkretaj pozitivaj agadoj, unue surloke, kaj poste aliloke. Oni povas funkciigi la movadon en alia regiono, nur kiam tiu en la propra regiono sufiĉe bone funkcias. Tio konkrete signifas, ke estas esperantistoj, kiuj kreas klubojn kaj landajn asociojn, ne male. Afrikanoj unue bonvolu funkciigi surlokajn klubojn kaj landajn asociojn, kaj nur poste ili povas sin permesi esperantigi aliajn regionojn. Sendependiĝojn ĉiuspecajn oni nur povas akiri per konkretaj, pozitivaj kaj kunlaboremaj sintenoj.

*Jean Codjo*

***

# ILEI-KONFERENCO EN PORTONOVO, BENINO, UNUA INFORMO

**Dato de la aranĝo: de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto 2008 por ĝenerala programo kaj de la 5-a ĝis la 8-a de aŭgusto 2008 por postkonferenca ekskurso.**

*Instruistoj de Esperanto por la Planedo Tero*

Esperantistoj de ĉiuj landoj kaj de ĉiuj kontinentoj! – Vi estas invitataj partopreni la ILEI-konferencon por omaĝi kaj kuraĝigi la lokajn samideanojn, doni instigon al pliaj paŝoj kaj helpi disvastigi nian lingvon en la tuta mondo. La ILEI-konferenco en Afriko en la jaro 2008 estos grava evento kaj por la E-movado entute kaj por la historio de ILEI, same kiel por la E-movado en Afriko.

*Konferencejo kaj tranoktejo:* Songhai-centro, BP 597, tel.: 229 20225092, fakso: 229 20222050, Portonovo, Benino. Ĝi troviĝas en bone prizorgata granda park-aspekta tereno de agrikultura edukcentro proksime al la urbocentro. Por tranokti en la sama centro ekzistas jenaj ebloj (por la tuta konferenca periodo, krom la postkonferenca ekskurso – por unu persono – ĉiuj manĝoj inkluzivitaj):

– en 1-lita ĉambro (klimatizilo, duŝejo, necesejo) .................. 282 EUR
– en 1-lita ĉambro (ventumilo, duŝejo, necesejo) .................. 234 EUR
– en 2-lita ĉambro (klimatizilo, duŝejo, necesejo koridore) .................. 210 EUR
– en 2-lita ĉambro (duŝejo, necesejo koridore) .................. 171 EUR
– en 3-lita ĉambro (duŝejo, necesejo koridore) .................. 153 EUR
– en 4-lita ĉambro (duŝejo, necesejo koridore) .................. 139 EUR

*Manĝoj:* La prezoj inkluzivas ĉiujn manĝojn, mankos eblo por mem zorgi pri manĝado.

*Konferenca programo:* Konsiderante, ke tiu ĉi internacia aranĝo estos grava evento por afrikanoj, la konferenca programo devos esti vere bunta kaj abunda. Por la konferenca programo oni antaŭvidas tradiciajn programerojn: inaŭguron, komitatkunsidojn, estarkunsidojn, ekzamenojn de ILEI/UEA en elementa kaj meza niveloj, interkonan, artan kaj nacian vesperojn, solenan fermon. Bonvenas ĉiuj pliaj proponoj kaj sinproponoj. Bonvolu skribi al: <aidute@mail.lt>. Laŭeble okazos ankaŭ programeroj, kiuj jam iĝas tradiciaj: unutaga Scienca Simpozio laŭ konferenca temo – konatigo de lokaj aŭtoritatoj kaj intelektuloj kun la E-medio kaj ebligo de daŭra kunlaboro de e-istoj kaj neesp-istoj; Lingva Festivalo (prezento de lingvoj kaj kulturoj fare de partoprenantoj de la konferenco el diversaj landoj) – laŭeble publika, kiel donaco de e-istoj por lokaj loĝantoj kaj unu el la formoj de kunlaboro kaj konatiĝo kun la loka medio, ankaŭ kiel efika varbilo por nia lingvo; bankedo – komuna adiaŭa vespermanĝo en lukseca etoso; vesperaj renkontiĝoj kun kultura programo en agrabla etoso. Informoj pri eventualaj seminarioj aŭ programeroj kaj iliaj kondiĉoj aperos en venontaj IPR kaj ttt-ejo de ILEI. Pli preciza programo estos dissendita al aliĝintoj en Dua Informilo fine de marto.

***

# RAPORTO PRI SIA AGADO
# DE LA KOMISIONANO JEREMIE SABYIUMVA

Karaj samideanoj,

Mia raporto resumiĝas en 4 gravaj informmanieroj:

– interreto;
– radioelsendo;
– futbalaj ludoj;
– diversaj vojaĝoj kaj prelegoj.

**Interreto**

Ĉi maniero estas grava kaj pli bona. Mi retsendis informmesaĝojn al centoj da personoj el diversaj landoj kaj multaj el ili respondis favore pri Esperanto. Ili nun lernas kaj kelkaj el ili evoluas bone. Ĉi metodo estas pli bona sed multkosta, ĉar en mia lando la retumado ege kostas.

**Radioelsendo**

Mi vizitis kvar radioelsendejojn esperantkadre (Kultura Radio, Edukada Radio, Radio Bonesha FM, kaj la RTNB), kie mi alvokis homojn lerni la lingvon. Kelkaj direktoroj akceptis meti nin en programo, por ke ni regule elsendu informon pri Esperanto.

Kelkaj ĵurnalistoj interesiĝis kaj nun tri el ili lernas la lingvon. Ĉi informmaniero estas pli bona, ĉar la mesaĝo atingas multajn homojn sen granda elspezo. Nur mankis al mi tempo por regule iri tien.

**Futbalaj ludoj**

En la kadro de informado, mi iniciatis kaj starigis esperantistan futbalan teamon, kiu nun partoprenas lokan oficialan turniron. La nomo de la teamo estas Esperanto FC, kaj ĝiaj membroj estas esperantistoj.

Kiam nia teamo ludas kontraŭ iu alia teamo, mi profitas la okazon por informadi kaj varbi. Ĉi strategio efikis, ĉar nun multaj piedpilkantoj sekvas kurson en kluboj de Rumonge.

**Diversaj vojaĝoj kaj prelegoj**

Multajn enlandajn vojaĝojn mi faris. La celoj de tiuj vojaĝoj ne estis esperantistaj, sed mi profitis diri ion (dum mia restado) pri Esperanto, kaj multaj homoj interesiĝis. Mi kelkfoje eĉ okazigas kurson .

Mi vizitis la centran malliberejon de la ĉefurbo responde al la invito de kelkaj malliberuloj, kiuj aŭdis min dum la programo, kiun mi faris ĉe Radio Bonesha FM.

Mia vizito fruktodonis, ĉar malliberuloj petis de mi korespondan kurson, kaj ili promesis ke poste ili instruos la lingvon al aliaj.

Mi prelegis en januaro, aprilo kaj majo en diversaj liceoj de la ĉefurbo kaj en Rumonge.

Krom enlandaj vojaĝoj, mi iris al Kongolando (Bukavu) kaj tie sukcesis viziti grupon de sportemuloj kaj informis ilin pri MELS (Monda Esperantista Ligo por Sporto). Du el ili nun sekvas korespondan kurson.

Mi verkis afiŝojn kaj ilin afiŝis en diversaj publikaj lokoj.

*Jérémie Sabiyumva*

## RAPORTO PRI SIA AGADO DE FRANÇOIS HOUSOUNOU

Pluraj monatoj jam pasis. Kaj venis la ĝusta tempo por resumi, kio estas farita.

Pri TEJO-sekcio en Burundo, mi helpis pri la statuto kaj regularo kaj resendis la korektitajn statuton kaj regularon al TEJO pri la naskiĝo de la sekcio en Burundo kaj petis la malagasan sekcion demokrate renovigi la estraron de la sekcio.

Rilate la mondcivitanecon, pere de la NRO Afrika Centro Mondcivitana (ACM), mi organizis du seminariojn kadre de Esperanto, la rondvojaĝon de la Direktoro AWC-Esperanto-sekcio, Gerhard Hirschmann, en Afriko, kaj ties seminarion cele al beninaj esperantistoj en la Fontaine de Vie en Benino. Mi tie gvidas Esperanto-kurson kaj pritraktis kun la lerneja direktoro la aldonon de aliaj klasoj dum la venonta lerneja jarreveno (la 4-an de oktobro 2007). Mia rilato kun Niĝerio permesis al ni enkonduki la mondcivitanecon, kaj tie estas direktoro, Monday Anagovi, kiu transprenis la reorganizadon de nia komuna Esperanto-movado en la lando. Kompare al Niĝerio, RD Kongo kaj Burundo estas respektive sur la listo Florent Ntoto, la kunordiganto, kaj Jérémie Sabyiumva.

Mi kunlaboris kun la Afrika Oficejo kaj Renato Corsetti pri la sendo de dek filmoj pri *Gerda malaperis* al landoj, kiuj sekvas la lerno-programon de *Gerda malaperis*.La sendo de tiuj filmoj rezultis el la kunlaborado inter Joe kaj Karen el Brazilo kaj mi. Krom *Gerda malaperis*, mi jam petis ilin disponigi al la afrika agado aliajn filmojn, nome *La patro*.

Rilate la internacian Esperanto-revuon de ILEI, *Juna Amiko*, en Afriko, mi atentigis la ricevintojn diskonigi raporton pri la utiligado de ricevitaj revuoj en la kluboj.

En Benino la unua virina grupo naskiĝis dum la vizito de Gerhard Hirschmann. Mi prizorgas la virinan grupon per la instruado de Esperanto kaj pri la mondcivitana movado.

Mi sukcesis enkonduki la lingvon Esperanto en la Rotarian klubon de Lokossa. Mi disdonis al la klubo broŝurojn *Esperanto, la langue équitable*; *Manifesto por la internacia lingvo Esperanto*; kaj *Ĝisdate pri Esperanto*.

Rilate la beninan vikion, mi kontribuis al la korekto de la tiea informo pri la benina movado.

*François Housounou*

***

## LOKAJ KLUBOJ LABORAS EN BENINO

En la Departemento de Couffo [koufo], tre aktivas du ŝtataj mezlernejaj kluboj, nome Sankta Harmonio en la vilaĝo Ayahohoué [ajahohue] en la komuno Klouékanmè [kluekannme] kaj Monda Familio en la urbo Azove en la komuno de Aplahoué [aplahue]. En ambaŭ kluboj, estas instruataj kursoj tutlernejjare respektive ĉiusabate matene de la 8-a ĝis la 10-a kaj ĉiusabate posttagmeze de la 15-a ĝis la 17-a. Paralele okazis kantklasoj/kantsesioj. Lastan majon, la klubo Sankta Harmonio akceptis seminarion organizitan de la estraro landa ĉefe por la aniĝintaj geinstruistoj de diversaj lernejaj fakoj. Ankaŭ partoprenis junuloj. Ankaŭ en la ĉi-supre menciita klubo okazis ekzamenoj (skriba kaj parola partoj) fine de la lerneja jaro. La ses plej lertaj anoj (tri junuloj kaj tri junulinoj) ricevos ĉefpremiojn en 2008.

Cetere, menciindas la agado de la orfa klubo Rondo Familia en Lokossa. Tie okazas semajnfinaj kursoj precize ĉiudimanĉe matene. Ili daŭras ĝis ĉi ferioj kun kantsesioj. Dume, laŭeblajn kursojn ĉeestas anoj de la klubo Solidareco (Lokossa). Notindas ke la kvar ĉi-supre menciitaj grupoj funkcias sub la gvido de s-ro Latifou Gbadamassi, prezidanto de la landa asocio.

Siaflanke, en la klubo Arigbo en la urbo Glazoué [glazue] en la provinco de Collines [kolin] gejunuloj pli kaj pli interesiĝas pri Esperanta lernado dank' al Ezin Mechak, kiu respondecas pri la agado tie. Lastan februaron, post la ILEI-seminario, ili estis entuziasmigitaj de Agnes, kiu vizitis la klubon. En Verda Familio, klubo de rifuĝintoj, kune agadas Agbénou Francis (prezidanto) kaj Comlan Djidotor Luc (sekretario). Okazas kursoj dufoje semajne, tio estas merkrede kaj sabate posttagmeze kun konstanta skriba kaj parola ekzamenoj. Sportkampe, preparadoj dank' al pilko donacita de Agnes, iras tiel bone, ke baldaŭ la klubo ludos futbalmaĉo(j)n kontraŭ ne-esperantista(j) grupo(j). Indas mencii la viziton de Antoine Kouablan, membro de la Afrika Komisiono kaj tiun de Gerhard Hirschmann. Krome, Esperantaj kurssesioj per *Cours rationnel* kaj *Cours de langue internationale Esperanto* dum mondcivitanaj seminarioj; tiel resumiĝas la agado de la klubo Pacaj Metiistoj, la unua Esperanto-klubo de Lokossa, kiun estras François Hounsounou.

En la kluboj Egaleco (Koĝi) , EJEA (Adohoun) kaj Nova Mondo (Seĝe) kursoj progresas sub la gvido de Houenavo Pierre kun bredadaj kaj ĝardenkulturaj aktivecoj. Ankaŭ en kluboj tiaj kiaj Verda Stelo (Cotonou), Verdaj Geamikoj (Cotonou) kaj Gefratoj de Zamenhof (Lokossa) ne mankas Esperanta instruado.

*Latifou Gbadamassi, Prezidanto de AbeE (Benina landa asocio)*

***

## LA MINISTRO PRI EDUKADO DE GVINEO – KONAKRIO SKRIBAS AL LA AFRIKA KOMISONO

Delegitaro konsistanta el la komisiito pri eksteraj rilatoj de la Afrika Komisiono de UEA kune kun loka esperantisto, Mensa Gbogatse, vizitis la ministron pri edukado en Konakrio kaj interparolis kun li pri instruado de Esperanto en tiu lando.

Post la reveno al sia lando Antoine Kouassi dankis la ministron, kiu respondis:

*Bonjour Mr Kouassi,*

*Merci pour votre message auquel je viens d'accéder. Je reste à votre entière disposition pour la promotion de l'espéranto en Guinée en général et dans le système éducatif en particulier.*

*Cordiales salutations!*

*Elhadj Oumane SOUARE,*
*Ministre de l'Education Nationale*
*et de la Recherche Scientifique.*

La ŝlosila frazo estas: *Mi restas je via kompleta dispono por la antaŭenigo de Esperanto en Gvineo ĝenerale kaj aparte en la eduka sistemo.*

***

## GRAVA ESTRARKUNVENO DE DKEA EN MBANZA-NGUNGU

Dimanĉon la 30-an de septembro 2007 okazis tre grava estrarkunveno de DKEA en la urbo Mbanza-Ngungu. Tiu estis grava, unuflanke, pro la partopreno de preskaŭ ĉiuj estraranoj, kiuj venis el diversaj urboj de nia lando; aliflanke, pro la diversaj decidoj kaj rekomendoj.

***

## AGADO EN LA LERNEJO JULES VERSTRAETEN EN LA VILAĜO CODJI (KOĜO)

Ekde la fondo de la Esperanto-lernejo JV de Codji en 1999, la nombroj de geknaboj de aliaj lernejoj en la regiono por lerni Esperanton pli kaj pli kreskas. Pro disponigo de motorciklo por pli facile atingi tiujn lernejojn, oni nombras tri aliajn lernejojn (unu en Seĝe, du en Adohoun) en kiuj oni instruas Esperanton. Por pli strukturigi kaj konservi tian entuziasmon ĉe la geknaboj, asembleo estis organizata la 29-an de aprilo 2007. Malgraŭ la pluva vetero, ĉirkaŭ 82 esperantistoj nur el tiu regiono partoprenis. Oni diskutis interalie pri la ĉiujara futbalturniro, kiu dum la pasinta somero 2006 partoprenigis kvar diversajn lernejojn. Pro la sukceso de tiu turniro, aldoniĝos dum venonta somero pliaj lernejoj. Sekve necesos pli strukturigata preparo. Kiel premio ĉiuj partoprenontaj lernejoj ricevos piedpilkon. Rikolto el la lerneja ĝardeno kaj la bredado kontribuos al disponigo de manĝaĵo. Aliaj du gravaj punktoj pridiskutitaj dum la asembleo estis kiel kunordigi la movadon en tiu regiono. Partoprenintoj proponis, ke estu iu gvidkomitato kiu konsistas el naŭ membroj. Prezidanto kaj vicprezidanto estas respektive Boris Houenavo kaj Vihou Kakpo. Tiuj du estas iamaj lernintoj de la lernejo JV. Indas mencii, ke la motoroj aŭ pioniroj de la movado en tiu regiono estas la unuaj lernantoj de la lernejo JV. Kelkaj el ili eĉ estras la nacian junularan sekcion de la landa asocio, kiel André Gokan, la ĝenerala sekretario de la sekcio. La tria punkto de la tagordo rilatis al alvoko de volontuloj por helpi la tiean Esperanto-intruiston, Pierre, ĉar li ne povas esti samtempe en multaj lernejoj. Dek unu el la partoprenintoj pretas helpi.



Lernantoj de la lernejo Jules Verstraeten

La klubo Sukceso de Kpadéhoué en Ouèdèmè estas tute nova, sed ili multe progresas. Ĉar estas nur studentoj en la universitato kaj instruistoj en bazaj lernejoj, ankaŭ kelkaj mezlernejanoj ĉeestas. Ni laboras dufoje semajne, lunde kaj vendrede, de la dekkvara ĝis la deksesa.

*Raportas Pierre Houenavo*

***

# LA KURSO *GERDA MALAPERIS* KAJ LA ALIAJ INSTRUILOJ UZATAJ DE LA AFRIKA OFICEJO DE UEA

La Afrika Oficejo de UEA sendas al petantoj la jenajn kursolibrojn:

– unugrada en la franca: *Cours de langue internationale espéranto*.
– unuagrada en la angla: *The international language Esperanto: A Course*.
– duagrada en la franca: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la franca
– duagrada en la angla: *Gerda malaperis* kun klarigoj en la angla.

Krome la Afrika Oficejo dissendas diskojn kun la prononco de *Gerda* al instruistoj.

Nuntempe sekvas la kurson *Gerda malaperis* proksimume 100 homoj en pluraj afrikaj landoj, ĉefe en la franclingvaj. Sekvado de la kurso kaj resendado de la ekzercoj al la instruisto estas esenca kondiĉo por partopreni la ILEI-konferencon en Portonovo, Benino venontan jaron.

Post la kurso *Gerda* la lernantoj devos legi du librojn, unu pri historio de Esperanto en Afriko kaj unu pri instrumetodoj.

Jen la libro pri historio, kiel ĝin prezentas la katalogo de la Libroservo de UEA:

| | |
|---|---|
| | **Afero de espero** |
| Titolo | Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko |
| Aŭtoro | Heidi Goes |
| Kategorio | Movado |
| Prezo | 9.00 €, triona rabato ekde 3 ekz. |
| Eldonloko, jaro | Rotterdam, 2007 |
| Eldoninto | UEA |
| Klarigoj | La unua provo de historio de la E-movado sur la nigra kontinento; kovras la periodon de la komenco ĝis la jaroj 1990. |
| ISBN/ISSN | 978929170969 |
| Formato | 86 paĝoj, 21 cm |
| Karakterizoj | Ilus |
| Recenzoj | Recenzoj mankas. Aldonu |




****************************************

Viajn komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintaĵoj en via urbo aŭ lando bonvolu sendi al la redakteja adreso: afrika.oficejo@co.uea.org aŭ aerpoŝte al:

**Afrika Oficejo, BP. 416 Lokossa-Mono, Benin**
**tel./fakso: +229 224 10 229**

****************************************